Jaro 14 Oktobro 1962 N-ro 7



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I. F. E. F.**

LA INTERNACIA FEDERACIO ESPERANTISTA FERVOJISTA

Sekretariejo: Da Costakade 50, Utrecht, Nederlando

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

RHEINGOLD, unu el la plej atraktivaj trajnoj




# LA 15-a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-KONGRESO

en Stoke-on-Trent, Britio, inter la 11-a kaj 17-a de majo 1963

Bankkonto ML.12. C.W.S. Bank, Stoke-on-Trent

Korespondadreso: S-ro Horace Barks, 24 Marsstreet, Smallthorne, Stoke-on-Trent, Britio

Landa Kongresa Komitato:
prezidanto: Horace Barks
sekretario: R. W. Deakin
kasisto: T. C. Tasker

## 1-a KOMUNIKO

**Superrigardo pri la planitaj aranĝoj**

La kongreso estos en la Stoke-Urbdomo, kiu situas malpli ol duona km de la stacidomo, kaj ĝi estas la ĉefa el la ses urbdomoj en Stoke-on-Trent.

En la King's Hall, la plej granda ĉambrego en la kongresejo okazos la interkonatiĝa vespero sabaton, la solena malfermo dimanĉon matene, kaj la internacia balo merkredon. La plimultaj de la manĝoj okazos ankaŭ tie.

Distraj vesperoj lundon kaj ĵaŭdon estos en la Mitchell Teatro kaj la Muzeo, kiuj estas en Hanley, la mezparto de la urbego.

La fakprelego okazos ĵaŭdon posttagmeze (dum la butikoj estos fermataj) en la Jubileo-Hall.

Dimanĉon posttagmeze okazos ekskurso tra la duklando Cheshire, ekvidonte survoje la grandegan elektran teloskopon „Jodrell Bank", per kiu oni sekvis la Sputnikojn, kaj trapasonte la mezepokan urbon Sanbach kaj kelkajn tre vidindajn vilaĝojn. Vespermanĝo estos en Trentham Ĝardenoj, unu el la plej famaj feriejoj en la meza parto de Anglio.

Mardon posttagmeze okazos ekskurso tra la belaĵoj de la nordorienta parto de la graflando Staffordshire kaj norda parto de Derbyshire al la mineralakvejo Buxton, kie ni vespermanĝos. Poste ni revenos al Stoke laŭ la erikejoj kaj la urbeto Leek.

Je vendredo okazos la tuttaga ekskurso al Llandudno, tre bela apudmara feriejo en Nord Kimrujo. La trajno trapasos la feriurbon Rhyl, de kie la nova maŝino la flugpendilo (Hovercraft) trafikas trans la Dee-riverelfluejon. La LKK esperas ke tempo permesos rigardon al la novstilveturilo.

Gejunuloj de la fama Queensberry Lernejo, kie Esperanto estas instruata, kantos por la kongresanoj dum la semajno, kaj aliaj gejunuloj dancos naciajn dancojn dum la interkonatiĝo kaj dum la balo.

La taŭgan kaj belan kongresan simbolon desegnis Leonard Brammer, tre fama loka artisto.

La haveblaj hotelĉambroj estas antaŭmenditaj, sed ĝis nun nur 200 litoj estas promesitaj, kaj la LKK jam serĉas privatajn hejmojn por enmeti la aliajn kongresanojn. Tiuj, kiuj preferas ĉambrojn en hoteloj estas konsilataj frue aliĝi

L.K.K.

---

## INFORMOJ DE LA IFEF-ESTRARO

Jam nun ni sciigas ke en Stoke-on-Trent eksiĝos la IFEF-redaktoro kaj la dua sekretario. Sekve ni atendas kandidatojn por **redaktoro, 2-a prezidanto** kaj **2-a sekretario.** La lasta prefere loĝu en Nederlando (Amsterdam). Por la funkcio de redaktoro kaj de 2-a prezidanto ni volonte akceptos ankaŭ kandidatojn el aliaj landoj, pere de la landaj sekretarioj. La asesora loko restu provizore vaka, ĝis la kandidatigo de **Reprezentanto por la Junula Fako** en nia estraro.

Anoncu sin nur tiuj, kiuj trovos tempon por taŭga plenumado de la dezirata funkcio. Kandidatigojn oni sendu, kun permeso de la kandidatoj, antaŭ la 1-a de januaro 1963 al nia 2-a sekretario Jan Lok, Orteliusstr. 108³, Amsterdam W., Nederlando.
La **kongresproponoj** estos presataj en la februara numero de L.I.F. Bonvolu do ensendi viajn proponojn antaŭ la 1-a de januaro 1963.
La **kongresaliĝilon** ni forsendos kune kun la decembra numero.

## STOKE-ON-TRENT INVITAS VIN

Stoke-on-Trent, kiu kovras 84.5 kv.km kaj enhavas centojn de fabrikoj, estas laŭ grandeco la dekkvara urbego en Anglujo kun Kimrujo kaj la ĉefa laborloko de la duonmiliono da loĝantoj en norda Staffordshire. Ĝi estas potence industria kaj pro tio troviĝas en la unua vico de la grandaj britaj industriaj urboj. En Stoke-on-Trent oni projektas, fabrikas kaj vendas, aĉetas, transportas kaj provizas. Tie oni fabrikas: ceramikojn, ekde delikate elegantaj porcelanaj statuetoj ĝis drentuboj kaj brikoj, kaheloj kaj tegoloj. La karbminejoj produktas karbon po ses milionoj da anglaj tunoj jare. Troviĝas en la urbego: uzinoj por fero, ŝtalo kaj aluminio; diversaj metalfandejoj; fabrikoj por bakfornoj, brosoj ktp. Vasta kaj abunda estas tiu produktado pro kiu Stoke-on-Trent okupas ĉefpozicion en la nordmeza regiono de Anglujo kaj etendas sian influon al merkatoj tra la tuta mondo.

La plej grava faktoro en la historio de Stoke-on-Trent estas la minerala abundeco sub ĝia tero. Tiu ĉi trezoro el argilo, karbo kaj fera erco estis la bazo de la ĉefindustrioj, muldis la pasintecon de la urbego kaj nun diktas ĝian estontecon. Pro tiuj ĉi naturaj riĉajoj kreiĝis la ceramikaj, minaj, fer- kaj ŝtala industrioj, kaj sur tiu ĉi bazo novaj metioj evoluas ĉiujare.

Stoke-on-Trent havas la materialon kaj la laboristojn, la trafikliniojn, la taŭgajn lokojn, la taŭgajn helpservojn. Ĝi havas tiujn spertecojn, komercajn organizojn kaj diversspecajn aranĝojn, kiuj igis ĝin komercejo por 140 nacioj. Kaj subtenas ĉion ĉi-urba administrantaro, kies rekonstruada programo montras vivan respondon al la ĉiam ŝanĝanta sistemo de vigla industrio kaj sana komerco.

Laŭ unu grava trajto Stoke-on-Trent estas unika: ĝi kreiĝis en 1910 per la federaciiĝo de ses apartaj lokaj registaroj — la plej granda eksperimento tiuspeca en la historio de lokaj administracioj anglaj.

Federaciiĝo stimulis novajn impetojn, kreis novajn okazojn, kaj tiuj kvindek jaroj post la unuiĝo de la ses urboj en grandan industrian urbegon estis jaroj de atingoj — de progresoj alie ne fareblaj — sur ĉiu kampo. Pli bonaj klerigaj eblecoj, novaj vojoj kaj pontoj, abunda domkonstruado, forigo de domacaroj, sociaj plibonigoj ĉiuspecaj, estas nur parto de la abunda rikolto de federaciiĝo.

Ĝenerale konata kiel „la potfabrikaro" (angle: The Potteries), Stoke-on-Trent estas la plej grandprodukta ceramikindustriejo en la mondo. Triono de la vasta laboristaro okupas sin pri ceramikfarado. Enlandaj kaj eksterlandaj vizitantoj rigardas la fabrikadon de ceramikaĵoj po 50.000 jare.

Stoke-on-Trent havas multon interesan por montri al turistoj, sed ne nur industriajn vidindaĵojn. La vendejoj estas multaj kaj diversaj, kaj oni provizas ĉiuspecajn distrajn kaj kulturajn aranĝojn en multaj civitaj konstruaĵoj, bibliotekoj, muzeoj, artgalerioj, belaj parkoj, teatro, kinejoj kaj koncertejoj. Tiuj ĉi allogaĵoj rapide igas la urbegon kunvenejo por konferenco kaj kongresoj.

Kiam vi estos en Anglujo, Stoke-on-Trent bonvenigos vin same kore, kiel ĝi ĉiujare bonvenigas siajn milojn da aliaj vizitantoj.

---

## MERITOJ REKONATAJ

Kun granda plezuro ni eksciis ke la ĝenerala prezidanto de UAICF kaj FISAIC sinjoro Marcel Mollion, la volonte vidata gasto en niaj kongresoj, ricevis la **„Pokalon de Ĝentileco"** de la urbestraro de Parizo.

Al nia ŝatata amikino Odette Estrade la franca registraro atribuis la oran medalon de **„Services Bénévoles"** pro ŝia valora agado por Esperanto. Al ambaŭ distingitoj ni esprimas niajn varmajn gratulojn.

la IFEF-estraro

---

# *NIA FRONTPAĜA BILDO*

## „RHEINGOLD", UNU EL LA PLEJ ATRAKTIVAJ TRAJNOJ

Ekde printempo 1962 trafikas sur la linio Amsterdam-Basel nova pasaĝertrajno, kiu prezentas la nuntempan kulminon de lukso, eleganteco kaj rapideco. Krom la modernaj Trans-Eŭrop-Ekspresoj, veturantaj sur la ĉeflinioj de okcidentaj fervojo, la germana Federacia Fervojo (DB) disponas nuntempe pri la plej moderna kaj atraktiva trajno.

**Tradiciriĉa pasinteco**



Okaze de la horarkonferenco en 1927 la tiama Germana Regna Fervojo proponis novan dumtagan ekspreson, kiu servos ĉefe al la internacia trafiko inter Britio/ Nederlando kaj Svislando. La akceptita propono realiĝis, kaj ekde printempo 1928 trafikis nova trajno, ekstere rekonebla per la violet-flava kolorigo. Kiel nomon oni elektis *Rheingold* (Rejnoro) bazante sur ĝermana fabelo. La trajno konsistis el salonvagonoj de la 1-a kaj 2-a klaso kaj prezentis siatempe eksterordinaran komforton.

La tempoj de la forveturo kaj de la alveno en la nederlanda havenstacio Hoek van Holland akordis kun la respektivaj horaroj de la ŝipoj al kaj de Britio. Por la distanco de Hoek van Holland ĝis Basel la veturtempo estis ĉirkaŭ 12 horoj. La doganaj kaj pasportaj kontroloj okazis dum la veturado, kio prezentis tiutempe rimarkindan faciligon, nuntempe jam memkompreneblan. La horaro ŝanĝiĝis apenaŭ dum la sekvaj jaroj. Komence de septembro 1939 la*Rheingold*-trajno ĉesis trafiki.



**Postmilitaj klopodoj**

Post la militfino unue ne ekzistis internaciaj trajnoj. Transiranta komuniko de Hoek van Holland al Basel ekfunkciis meze de decembro 1946. La veturtempo estis 22 horoj. Dum la severa vintro 1946/47 la trajno trafikis nur dufoje posemajne. Ekde la printempo 1949 estis eble redukti la veturtempon ĝis 16 horoj. Unu jaron poste oni havis denove aliĝtrajnojn al Italio. La tradiciriĉa nomo *Rheingold* renoviĝis en 1951, sen la antaŭaj luksoj, sed kun elektitaj vagonoj de la 1-a, 2-a kaj 3-a kl. En 1953 la veturtempo reduktiĝis al 12 horoj. La strukturo de la trajno ŝanĝiĝis. Restis nur du klasoj. Kursvagonoj al München kaj Roma estis aldonataj. Ekde 1956 la *Rheingold*-trajno havis nur la 1-an klason, kaj ekde 1959 la veturtempo regresis al nur 9 horoj.

**La nova RHEINGOLD-trajno**

En 1960 komenciĝis la konstruado de la vagonaroj — unu por ĉiu direkto — en kunlaboro kun la Germana Litvagona Kompanio. Ĉiu vagonaro konsistas el tri kupevagonoj, unu vagono kun mezkoridoro, unu rondrigarda vagono (unua bildo), kun du kromaj kupeoj kaj unu restoracivagono.
Disponeblaj estas 222 sidlokoj, 48 sidlokoj en la restoracivagono, 15 sidlokoj en la koktelejo kaj 22 sidlokoj en la rondrigarda kupolo.
Moderna koktelejo ne mankas (dua bildo). Tie oni renkontas pasaĝerojn el la tuta mondo. Interesa estas la interligo per ŝtupareto.
La manĝaĵoj estas preparataj en la suba etaĝo kaj transportataj per lifto al la restoracia etaĝo. Al la pasaĝeroj servas ankaŭ poŝttelefono. Kiel en la TEE-trajnoj la fenestroj de la *Rheingold*-trajno ne estas malfermeblaj, ĉar la temperaturo estas regulata per klimata instalaĵo. En la kupeo la temperaturo estas regulebla ankaŭ permane.
La rapideco de la *Rheingold*-trajno atingas 160 km/h tie, kie la stato de la trako permesas tion. La plirapidiĝo kompare kun la antaŭmilitaj veturtempo estas 30 %, pruvo por tio, ke la fervojo kapablas adaptiĝi al la bezonoj de la moderna pasaĝertrafiko.

W. Barnickel

---



## OSKAR KOVACIC



La 16-an de julio mortis en Vieno en la aĝo de 54 jaroj nia fidela membro kaj amiko Oskar Kovacic. Li estis operaciita pro la cekumo, kaj post kelkaj tagoj li ricevis altan febron, kiun sekvis subita morto. Kovacic naskiĝis la 19-an de junio 1908. Li estis esperantisto ekde 1928 kaj plurfoje li vizitis la IFEF-kongresojn kiel oficiala delegito de la Aŭstria Fervojista Sindikato.
Ofte li uzis la gravan frazon: „Esperanto fariĝos tio, kion faros kun ĝi la esperantistoj".
Li restos en nia memoro kiel bona amiko kaj laborema samideano.
Sincerajn kondolencojn ni esprimas al la familianoj, kiuj perdis en li amatan parencon.

IFEF-estraro

---

## NIA LETERKESTO

De kolego Geroldinger el Linz ni ricevis leteron, kiun ni opinias tiom grava, ke ni publikigas ĝin ĉi tie:
*„Mi jam dum du jaroj konstante kaj senlace klopodadis atingi en mia hejmurbo Linz/D Esperanto-placon aŭ -parkon en la centro de la urbo (Zamenhofstraton ni jam havas). Ĉar mi ne laciĝis ĉiam denove skribi al diversaj urbaj instancoj, kaj esplori eblecojn por efektivigi mian planon, la magistrato nun kontraŭproponis starigi memorŝtonon apude de la ĉefstacio kaj fervoja direkcio, tie, kie mi volis Esperanto-placon kaj poste Esperanto-parkon.*
*Tiu plano tamen ne ekdormos. Kompreneble mi tuj konsentis starigi Zamenhof-monumenton, malgraŭ la timo ĉu mi sukcesos kolekti la necesan monon. Mi jam vizitis diversajn altrangajn aŭtoritatulojn de la urbo kaj la afero ekmarŝas. La precizan koston de la monumento kiun mi planis, mi ankoraŭ ne scias, sed certe estas ke la sumo fariĝos pli ol Ś 20.000. Ĝis nun mi kolektis inter la aŭstriaj geesperantistoj Ś 2.500. Sed ankaŭ de ĉie mi danke akceptas la monon por efektivigi la starigon de la Zamenhof-monumento en Linz, per la Poŝtĉekkonto 138590 Allgemein Sparkasse Linz, Konto nr. 405086, aŭ egalmaniere".*

*Sincere via J. Geroldinger.*

# EL LA SEKCIOJ

## Danio




1550 geesperantistoj el proksimume 40 landoj alvenis en la tagoj ĉirkaŭ la 4-a de aŭgusto al Kopenhago. La fervojistaj esperantistoj akceptis ilin per ornamado en la alvena halo de la Centra Stacidomo de Kopenhago, per bonvenigaj vortoj per laŭtparoliloj kaj Informejo, kiu helpis trovi vojojn al hoteloj kaj al la Kongresejo.
Dimanĉonmatene okazis la solena inaŭguro de la Universala Kongreso en la koncertejo de Tivoli. S-ro Helweg Petersen, ministro de edukado, kaj s-ino Bodil Koch, ministrino de la eklezio (la lasta kiel reprezentantino de la ministro por kulturaj aferoj), ĉeestis, kaj la ministro de edukado alparolis la kongresanojn per tre pozitivaj kaj varmaj vortoj. Dum la kongresa semajno funkciis en la kongresejo Fervoja Informejo, kiu estis prizorgata de volontuloj-fervojistoj, ĉar tre bedaŭrinde en malfrua tempo DSB rifuzis ĉian dejoradon tie.
Spite al la tre diverspeca dejorantaro, mi havis la impreson ke la Informejo bone funkciis, kaj sen ĉia dubo estas, ke ĝi plenumis gravan taskon, helpante surloke pri multaj kaj multspeciaj veturproblemoj. Dum la tuta tago svarmis kongresanoj ĉirkaŭ la Fervoja Informejo.
Merkrede je la 9-a horo okazis la fakkunveno de IFEF en la belega oficiala kunvenejo de la ĝeneral-direkcio. 36 fervojistoj el 10 landoj kunvenis por aŭskulti la prelegon de s-ro Loumann Nielsen pri la „Bird-flug-linio". Bonege prelego en Esperanto, kvankam s-ro Loumann Nielsen ne studis tiun lingvon. Post la prelego kun pluraj demandoj oni per aŭtobusoj, disponigitaj de DSB, veturis al la ĉefstacidomo por rigardi la „roboton", kiu prizorgas la rezervadon de surpramaj lokoj por aŭtomobiloj. Je tagmezo la bonsukcesinta aranĝo finiĝis. Ĵaŭde okazis la diversaj ekskursoj, i.a. unu pertrajna al Odense, la urbo de H. C. Andersen. Tri rezervitaj vagonoj (ekskluzive dancvagono) estis je dispono de la 165 partoprenantoj al tiu ekskurso.
Kulmina punkto estis en la H. C. Andersen-muzeo en Odense, kie Eldonejo KOKO solena transdonis al la muzeo kaj tie direktoro po unu ekzempleron de la „Marvirineto", ĵus eldonita kolorilustrita libro kun la fabelo kaj H. C. Andersen-biografio, tradukitaj el la dana originalo.
La kopenhagaj fervojistaj esperantistoj helpis al la 47-a UK ne nur en sia fako, la fervojaj aferoj, sed disponigis plurajn esperantistojn al la ordinara kongresa helpantaro, tiel ke la ĝenerala impreso de la fervojistoj en esperantaj rondoj estas almenaŭ ne malpli favora ol ĝis nun; tre supozeble male. Nia reputacio en la administraj rondoj de la ŝtatfervojoj certe pliboniĝis post la IFEF-kunveno.
Al la bona rezulto rilate la fervojajn aferojn kontribuegis multaj DEFA-anoj, kiuj estu ĉitie kolektive dankataj.

E. Henning Olsen

---

## ESPERANTO-EKSPOZICIO

Mi deziras fondi esperanto-societon en vilaĝo (fervojista kolonio) Srnetica. Samideanoj estas petataj helpi por ke mi povu aranĝi ekspozicion. Bonvolu sendi afiŝojn, gazetojn, librojn, prospektojn ktp. Mi eluzas la okazon danki al ĉiuj, kiuj helpis min dum la fondo de la Esperanto-societo en Prijedor.
Adreso: Smolic Drago, SRNETICA (Kod Drvara), Jugoslavio.

## JUNULA FAKO EN IFEF

Konsiderante la komunikojn en la franca „Fervojisto" ni konstatas kun ĝojo ke en la regionoj de niaj francaj junuloj regas ekzempledona aktiveco. Precipe la junularaj grupoj en Parizo aktive agadas.

Dek naŭ junuloj, inter kiuj kelkaj novaj amikoj, respondas al la alvoko de Arlette Bole por partopreni la agadon de la junuloj kaj por viziti venontajn kursojn. Geamikoj Villeneuve kaj Josette Vonay preparis ekskurson al Villers sur Mer la 15-an de aŭgusto. La 25-an kaj 26-an de aŭgusto pluraj junuloj vizitis la kastelon Grésilon, kie ili pasigis du belajn tagojn inter okdek samideanoj.

Nia amikino Andrée Massard organizis esperantistan renkontiĝon kun hispanaj junuloj en San Sebastian. Michel Robert planis vojaĝon kun junuloj al Voghera, kiu bedaŭrinde prokrastiĝis.

Jen kiel pulsas la vivo en la vicoj de niaj francaj junuloj, dum ankaŭ inter iliaj amikoj en aliaj landoj regas aktiveco. Tial ni instigas niajn junajn amikojn daŭrigi sian entuziasman agadon, kaj elektu inter si en Stoke-on-Trent sian reprezentanton por la IFEF-estraro, por ke tiu donu konsilojn al IFEF kaj Kongresaj Komitatoj koncerne deziratajn aranĝojn por junuloj en niaj kongresoj, kaj pri aliaj aferoj interesaj por ili.

Por atingi vastan laborkampon kun la celo infekti ankaŭ alilandajn junulojn per ilia entuziasmo, ni rekomendas al ĉiuj gvidantoj de junulaj fakoj utiligi ankaŭ la paĝojn de L.I.F. por siaj komunikoj. IFEF garantias al siaj junuloj praktikan helpon.

De Jong

---



Kun ĝojo ni sciigas al vi la naskiĝon de nia filineto

*Imke Luberta*

E. R. OOSTERWIJK
L. A. OOSTERWIJK-HOEN

Amsterdam, la 10an de oktobro 1962a

Hofmeyrstraat 41'''
Nederlando

## LA IFEF - FAKKUNVENO EN LA U.K.

La fervojista fakkunveno okazis en bela kunvenejo, kiun disponigis al ni DSB en la ĝenerala direkcejo Sølvgade 40.

Post bonvenigaj vortoj de nia sekretario H. Hauge al la 40 ĉeestantoj, paroladis ĉefoficisto s-ro Loumann Nielsen pri la „Birdfluga linio". Spite de tio ke li ne regas nian lingvon, li per manuskripto esprimis sin en facilkomprenebla Esperanto. Ne malplej niaj eksterlandaj gastoj montris grandan intereson pri la informoj, kiujn donis la prelegisto pri la estonta pramlinio Rødby-Fehmern, kies realigo estas rezulto de duonmiljaraj penoj de antaŭvivuloj, kies revo pri pli taŭga kaj rapida komuniko inter Skandinavio, kaj meza kaj suda Eŭropo antaŭenpuŝis la pli kaj pli fortajn dezirojn pri internaciaj rilatoj, kaj sekve de tio la pli kaj pli ampleksa trafiko. Prokrastis la projekton dum jarcentoj militoj, stulteco, manko de kapitalo kaj fantazio, sed kie estas volo, ankaŭ estas vojo. Kiam venontjare la nova horaro ekvalidos, la nova raŭto estos realeco kiel simbolo je homa povo kaj volo. Sed pro la pli rapida vojaĝo la estontaj

vojaĝantoj devos rezigni pri romantiko kaj senimpostaj ĝuoj, kiujn oni spertas sur la nuna linio Gedser-Grossenbode.
S-ro Loumann Nielsen rikoltis fortan aplaŭdon pro sia prelego, kaj salutante la fervojistajn instancojn kaj la 47-an, nun la eksterlandanoj esprimis emon scii ankoraŭ pli pri la vojoj, laŭ kiuj DSB modernigas la fervojan trafikon. Speciale la hinda, la jugoslava kaj la germana delegitoj estis tre scivolaj, kaj helpe de G. Thuesen, kiu estis tre bona tradukinto, s-ro Louman Nielsen vigle informis i.a. ke ni iom post iom transiras al diselelektra tirpovo, ke novaj linioj ebligos rapidecon ĝis 160 km/h. Nun H. Hauge dankante la prelegiston devis rompi la treege interesan kunvenon, por ke ni ne tro malfruiĝu pri alia programpunkto, nome montrado de la „Roboto" en la ĉefstacidomo. Feliĉe ankaŭ ĉi-tie G. Thuesen tre bone solvis sian taskon, spite de la multaj fakaj esprimoj flanke de la oficistoj kaj la demandintoj. Oni rajtas paroli pri sukcesplena aranĝo. La aranĝintoj meritas laŭdon, sed granda kontribuo al la sukceso estis ke s-ro Loumann Nielsen oferis tempon enstudi sian interesan prelegon en Esperanto.
Tiu ĉi raporto de la fakprelego estas nur malonga. Plena manuskripto estas havebla ĉe Leif Kongsvang, Hammelstruvej 32, Kopenhago SV.

Sv. Andersen

---

# KONGRESAJ EĤOJ EL LA SEKCIOJ

## AFEF-BULTENO (AŬSTRIO)

**Sukcesplena kongreso**

La 14-a IFEF-kongreso vere estis sukceplena kongreso, ne nur laŭ la nombro de la partoprenintoj (pli ol 1000 el 20 landoj). La LKK, kies prezidanto estis la fervora pioniro s-ano Bacskai, sukcesis i.a. aperigi Esperanto-poŝtmarkon. La bildo de la poŝtmarko montras simbole la montojn kaj riverojn de Eŭropo, semaforon kaj la surskribon „Budapest". Supre estas skribita: „14-a Internacia Fervojista Esperanto-kongreso" kaj malsupre: „Hungara Poŝto". En la supra maldekstra angulo troviĝas la kongresa emblemo. Do la unuan fojon aperis esperanto-poŝtmarko kun fervoja motivo kaj kongresinsigno okaze de IFEF-kongreso. Tio siginifas grava historia momento en la IFEF-movado. Ni ĉiuj, anoj de IFEF estas fieraj al la sukceso de la hungaraj amikoj, kaj ni tutkore gratulas ilin. Pli ol 60 aŭstriaj gesamideanoj (nur aktivaj esperantistoj) partoprenis la kongreson.

## DEFA-BULTENO (DANLANDO)

**Denove hejme**

Post neforgeseblaj tagoj en bela kaj ĉarma lando kun afablaj homoj kaj loka kongresa komitato, kiu faris pli ol sian plej bonan por aranĝi tiun ĝis nun plej grandan IFEF-kongreson (ĉa 1050 gekongresanoj el 19 landoj). Vere LKK meritas laŭdon kaj dankon pro la giganta laboro, kiu ĝi faris por kontentigi la kongresanojn kaj pro la sukcesplena kongreso.
Ĉe la alveno la delegitoj ricevis ĝojigan surprizon, ĉar ĉiuj landdelegitoj loĝis tute senpage en la plej moderna, luksa hotelo en Budapeŝto. Kaj ĉiuj kongresanoj ricevis senpagan bileton al ĉiuj tramoj kaj aŭtobusoj en Budapeŝto kaj al la hungara ŝtatfervojo, kiu validis unu monaton.

## „LA FERVOJISTO" (FRANCIO)

**Ni kongresis**

„Mi dejoras, sed miaj pensoj estas ankoraŭ nun en Budapeŝto", diris antaŭ nelonge kongresano. Ĉu pli bone oni povas esprimi la impreson, kiun lasas al ĉiuj partoprenintoj la 14-a IFEF-kongreso, jus okazinta en la hungara ĉefurbo? Dum unu tuta semajno ni travivis ĉiujn detalojn de impona programo kiu glate disvolviĝis en entuziasmo, amikeco, gastemo. Ĉiam kaj ĉie oni sentis sin hejmece: eĉ la oficialaj akceptoj ne fariĝis rigoraj. Tiuj impresoj signas la Budapeŝtan Kongreson; tio kaj ankaŭ multaj aliaj faktoroj certigis ĝian plenan sukceson.
Tiun sukceson ni ŝuldas al niaj hungaraj geamikoj; ili rajtas fieri, kaj ni devas admiri ilian laboron kaj ilian kapablon. Dank' al perfekta organizo, la akcepto de pli ol mil kongresanoj

(nombro neniam atingita), okazis sen iaj ajn komplikaĵoj. La granda nombro de la deĵorantoj, kapablaj flue uzi nian lingvon, mirigis nin. Ĉe ili ni ĉiam trovis afablecon, paciencon kaj komplezemon; tial foriĝis ĉiuj malfacilaĵoj. Kiu forgesos la rideton de Ŝari, la ĉarma sekretariino, aŭ la bonhumoron de *sinjoro mikrofono*, nia zorgema gvidanto, ĉiam alvokanta la *perditajn ŝafojn?* Ĉu ni ĉe la disiĝo trovis la taŭgajn vortojn por danki la oficialulojn kaj niajn hungarajn amikojn?

## GEFA-BULTENO (GERMANIO)

### Grandioza 14-a IFEF-kongreso

Budapest, la mondfama metropolo de Hungario akceptis de la 5-a ĝis la 11-a de majo 1962 la tradician kongreson de la Internacia Federacio Esperantista Fervojista sub la ĉefprotekto de la ministro por trafiko kaj poŝto. La bona sukcesinta programo estis riĉa je aranĝoj kun faka, kultura, distra aŭ turisma karaktero. La poŝto eldonis specialan poŝtmarkon. Tio okazis la unuan fojon en la historio de IFEF. Same la unuafoje la nombro de la aliĝintoj estis pli ol mil. La Germanan Esperantan Fervojistan Asocion reprezentis proksimume 80 gekolegoj kaj familianoj.

## „HUNGARA FERVOJISTA MONDO"

### La kongreso de amikeco kaj harmonio

Kun la unua tago de majo alvenis jam la unuaj kongresanoj el Bulgario kaj Pollando. Ili estis la *kongresaj hirundoj*. Dum la antaŭkongresaj tagoj la kontoroj de LKK similis al abelujo. Ne nur la komitatanoj, sed ankaŭ la helpantoj diligente kaj febre laboris kaj faris la lastajn, sed nepre bezonatajn preparojn. Jam la 3-an de majo LKK translokiĝis al la Centra Domo de la Konstruaj Laboruloj. La saman tagon komenciĝis la ornamado de la budapeŝtaj kaj landlimaj stacidomoj, la kongresejo, kaj sur la konstruaĵo de la Ĝenerala Direkcio. La ornamaĵo konsistis el granda kongresa emblemo, hungaraj kaj esperantaj flagoj, kaj el trafa slogano sur verda tolo. Jen kelkaj el ili: **„La reloj kunligas la landojn, Esperanto la popolojn!" — „Esperanto, simpla, bela, aktuala!" — „Moderna lingvo por moderna homo!"** Pluraj kolegoj forvojaĝis, ĉar ili havis la taskon akcepti la kongresanojn ĉe la landlimo kaj informi ilin pri la plej lastaj komunikoj de LKK. Vere LKK kaj la helpantoj havis grandajn zorgojn, kaj ege multan laboron, ĉar la kongreso estis planita por 500—600 partoprenantoj, kaj fakte aliĝis 1061 kongresanoj el 20 landoj.
Vidante la grandan interesiĝon, la ĉefprotektanto, protektantoj, Fervojista Sindikato, Ĝenerala Direkcio, pluraj regionaj direkcioj kaj fervojaj administracioj certigis ĉion necesan por la sukcesa aranĝo.
Tute certe la kongreso estus havinta facile 1200 aliĝintojn, se LKK ne estus rifuzinta multajn enlandajn aliĝojn, ĉar la kongresejo estas taŭga nur por 1000 personoj.

## „INFORMA BULTENO" (ITALIO)

### La 14-a IFEF-kongreso

Estas tre agrabla kaj kortuŝa tasko paroli pri tiu nekomparebla kongreso kiu okazis en Budapeŝto, kaj priskribi la varman entuziasmon en Hungarlando, kies popolo forta kaj ĝentila, havas kunnaskita la senton de gastemeco, de amo kaj frateco inter la popoloj. Estu do permesate al mi (antaŭ ol eksponi kronologie la kongreslaborojn kaj ĝiajn amuzajn kunvenojn) adresi mian varman dankon kaj gratulon al ĉiuj kunlaborintoj, kiuj donacis tempon kaj kontribuon por pretigi kaj realigi tiun specialan kaj neforgeseblan kongres-semajnon; antaŭ ĉio al la laborema LKK kaj al ĝiaj protektantoj, poste al la tuta popolo de Hungarujo kiu montris al ni ne nur ĝojon kaj simpation, sed veran fratecon.

## „JUGOSLAVIA FERVOJISTO"

### Nia kongreso

Kongreso ne komenciĝas per alveno al kongresurbo, sed kun la momento kiam la LKK-anoj

eksulkigas siajn fruntojn kun centoj da siaj kolegoj el plurdeko da landoj kaj urboj. Unuj sidiĝas por pripensi kiel inviti kaj gastigi la vastan kolegaron; la aliaj pripensas la aliĝon kaj la ĝuojn de la kongreslandaj ofertoj.
Kaj dum la kongresorganizantoj kaj ĝiaj protektantoj montras la eksteran vizaĝon de la kongreso, ĝiaj partoprenantoj, aparte la ĉefestraro kaj la delegitaro, donas la enhavon de ĉiu kongreso.
La ĉi-subaj koncizaj pritraktoj celas rekoni la meritojn de ambaŭ flankoj kaj informi ĉiujn, kiuj nur kun bedaŭro aŭ miro de malproksime observadis la 14-an IFEF-kongreso en koro de Eŭropo. ...... LKK faris grandan laboron por la kongreso. Kunlabore kun la fremdultrafiko IBUSZ ĝi korespondis plurfoje kun pli ol mil partoprenontoj el 20 landoj.
Havante post si fortan moralan kaj financan apogon de siaj protektantoj, ĝi certigis grandan nombron da oferemaj helpantoj, kiuj en uniformo kaj kun verda rubando de limstacioj ĝis ĉiuj kongresaj servoj kaj aranĝoj oferis sian plenan koron kaj laboron por preparo de la kongreso kaj dum ĝia daŭro. Ĉiuj tiuj fadenoj kunligiĝis en la personeco de D-ro Bacskai, prezidanto de la LKK, en kies buŝon mi donu la laŭdvortojn al siaj kunlaborantoj: **„Bravaj bravuloj, vi brave bravis, ke nia kongreso fariĝis senriproĉa!"** Bedaŭrinde la alia vizaĝo, la labora parto de la kongreso ne montras tian ĝojmienan kontentosenton.

## LA „FERVOJISTO" (NEDERLANDO)

### Iom pri la 14-a IFEF-kongreso

Finfine la longe atendita tago alvenis por denove partopreni la vojaĝon al Esperantio. Je ĵaŭdo la 3-a de majo ni renkontis la gepartoprenantojn en Amsterdamo por kune komenci la longan vojaĝon.
Vendrede, la 4-an de majo je la 7.25-a horo ni alvenis en Vieno. Tie ni devis atendi ĝis la 15.15-a antaŭ ol la vagonaro al Budapeŝto foriris. Tiun tempon ni uzis por ekskursi tra la belega urbo.
La motorvagonaro ekzistis el tri vagonoj kaj veturigis nin al la limstacio inter Aŭstrio kaj Hungario, nomita Hegyeshalom. La stacidomo estis ornamita per esperantaj kaj naciaj flagoj kaj per tuko: **„Esperanto por la paco".** La alveno en Budapeŝto estis mirega travivaĵo. En la halo de la stacidomo multaj geesperantistoj bonvenigis nin i.a. per floroj kaj esp-flagoj kun surskriboj. Per diversaj aŭtobusoj la gegastoj estis veturigataj al la hoteloj. Ĉiuj kongresistoj ricevis senpagan ateston kiu validis por ĉiaj trafikiloj en kaj ĉirkaŭ Budapeŝto dum la kongreso.

## „SVISA FERVOJISTO"

### Nia 14-a — Kongreso de la superlativoj!

Kun iom da scivolemo kaj ekscito mi eniris la eksprestrajnon en Vieno, kiu devis konduki min, la unuan fojon, malantaŭ la *feran kurtenon*, tiun limon, kiu disigas ne nur kiel kutime du landojn, sed la eŭropajn popolojn de la okcidento kaj oriento. Preskaŭ nerimarkinte pasis tiu *nenieslando* pro la gaja kaj intima sfero, kiu regis en la trajno, kie novaj kaj malnovaj amikoj reciprokis salutojn. Post kelkhora veturado ni atingis Budapeŝton, la faman metropolon de Hungarujo, kiu akceptis la ĉi-jaran IFEF-kongreson.
Ĝi estis la plej granda kaj plej bela kongreso, kiu ankaŭ en multaj aliaj rilatoj superis la antaŭajn kaj donis imitindajn ekzemplojn. Modela kongreslibro, montriloj kaj surskriboj en la kongresejo, senpaga bileto por ĉiu kongresano, valida por la urbaj trafikiloj, eldono de speciala poŝtmarko kun speciala stampo, publika informado per radio, jurnaloj, elmetitaj flagoj, surskriboj ĉe ĉiuj fervojaj konstruaĵoj, inkluzive la kongresejon.
La LKK-anoj kaj iliaj helpantoj meritas niajn gratulon kaj dankon. La plena sukceso de la kongreso estu por ili eta rekompenso por la havitaj penoj.
Por estontaj kongresoj ni konsilas ne diferencigi inter fervojistoj kaj ne-fervojistoj rilate la kongreskotizon. IFEF-anoj nepre ĝuu plej grandajn avantaĝojn.
Garantii akuratajn komencon kaj finon de la laborkunsidoj.

## KIU SENTAS JUKON, TIU SIN GRATU!

En **„Jugoslavia Fervojisto** 6-7-1962 aperis sufiĉe ampleksa raporto pri nia 14-a kongreso, en kiu la raportanto, Inĝ. Sekereŝ, koncize kaj meritoplene pentras ĉiujn menciindajn okazajojn de tiu neforgesebla kongreso.
Malgrandan parton, en kiu aŭdiĝas — kelkfoje severa — kritiko, ni aperigas ĉi-sube, por ke ĉiu, kiu devas apliki al si la kritikajn vortojn, havu okazon pripensi ilin, profite al senriproĉa irado de la kunvenoj en venontaj kongresoj.
La IFEF-estraro mem, post kelktaga meditado venis al la konkludo, ke ĝi ne aprobas ĉiujn detalojn de tiu kritiko. de J.

*„Bedaŭrinde la alia vizaĝo, la labora parto de la kongreso ne montras tian ĝojmienan kontentosenton. Prenu ni kiujn ajn aranĝojn. Malnova problemo estas la akurateco, ĉu flanke de delegitoj, ĉu flanke de interesuloj. Malgraŭ la afabla peto de LKK kaj ĝiaj severaj pordistoj la prokrastoj, malfruiĝoj kaj promenoj dum la kunsidoj ne ĉesis. Preskaŭ nekredeble, ke la prokrastoj estas daŭre tolerataj ĝuste de tiuj, kies libera tempo estas tiom limigita. Kaj la partopreno en kunsidoj: apenaŭ dekono da kongresanoj partoprenis ilin, kvazaŭ ili estus fermitaj kunsidoj. Ĉiuj ŝatus legi bonajn gazetojn, ĉiuj ŝatus jam de longe havi en siaj manoj la terminaron, ĉiuj deziras la venkon de la Internacia Lingvo, sed kiam oni devus al tio kontribui, ili forestas. Koncerne la delegitojn elvokis miron la granda nombro da nepreparitaj alparolintoj, kiuj per siaj bonaj kaj novaj ideoj efektive tedis, eĉ plurfoje per aferoj, kiujn jam la antaŭaj kongresoj solvis, aŭ per aferoj, kiuj estas fremdaj al faka Esperanto-movado. Ĉu ekzistas dubo pri tio, ke IFEF havas pli favorajn cirkonstancojn eduki sian anaron krom en la ĝenerala lingvoscio nur en unu faka senco, ol la aliaj Esperanto-organizoj, kiuj devas eduki sur ĉiuj kultur-sciencaj terenoj. Ŝajne jes, ĉar ĝis konsterniĝo efikis la sinteno de ĉefestraranoj, kiuj dum opaj kunvenoj kapablis interrompi eĉ kelkajn punktojn de la tagordo, kiam la diskutoj kulminis pri ili!
Ankaŭ la demokrateco estis forlasita ĉifoje! La ĉefestraranoj ne lasis liberan diskuton al delegitoj kaj interesuloj kaj ne atendis por nur fine resumi la elkristaliĝintajn opiniojn, sed ili — preskaŭ mi dirus — altrudis post ĉiu diskutinto sian respondon, sian opinion, sian prijuĝon".*

---

## IFEF EN ALIAJ GAZETOJ

En *Esperanto* la oficiala organo de U.E.A. aperis sur la frontpaĝo la bildo de la hungara ministro de Trafiko kaj Poŝto, okaze de la festparolado en nia 14-a kongreso. Krom tio nia hungara kolego Kapitány verkis pli ol tutpaĝan artikolon pri la kongresaranĝoj.

**Grandioza kongreso de fervojistoj.** Sub tio titolo aperis longa artikolo kun foto pri nia Budapeŝta kongreso en Heroldo de Esperanto. Per tiu ĉi bonega artikolo la verkinta W.B. sendube stimulas la fervojistojn nealiĝintajn ankoraŭ al IFEF, okupi sian lokon en niaj vicoj por la disvastigado de nia lingvo sur nia vastega profesia tereno. En antaŭa numero aperis bildo kun teksto pri la eldonita poŝtmarko okaze de la kongreso.

En *Sennaciulo*, la organo de SAT oni informis pri la 14-a IFEF-kongreso, okazinta en Budapeŝto. Same faris *Esperanta Finnlando, El Popola Ĉinio, Franca Esperantisto, Laborista Esperantisto* (Nederlando), *Svisa Espera, The Worker Esperantist, The British Esperantist, Bulteno* de Esp-klubo en Prago, *Informilo* de la Internacia Esperanto-Muzo en Vieno, kaj *Hungara Vivo.*

En *Sozialblatt* de la Federacia Germana Fervojo kolego Giessner detale rakontas pri nia kongreso. Du fotoj ilustras la artikolon.

En *Arts Cheminots,* la organo de Fisaic aperis tutpaĝa raporto pri nia kongreso kun tri fotoj.

En *Zeleznicar Havlickovrodska* de la Ĉeĥoslovakaj Fervojoj kolego Rebicek verkis ampleksan artikolon pri nia kongreso.

---

## ADRESŜANĜO

La adreso de la GEFA-redaktoro ŝanĝiĝis. Ĝi nun estas: S-ro Wilhelm Barnickel, 6 Frankfurt/Main 9, Karlstr. 4-6, Germanio.

## LA UNUA DUETAĜA PASAĜERA VAGONARO EN ĈINIO

Ekde la 7-a de marto c.j. la unua duetaĝa vagonaro por pasaĝeroj en Ĉinio kuras sur la Pekin-Ŝenjang-a Fervojo. La eksteraĵo de tia vagono similas al la longa sed mallarĝa duetaĝa domo. Interne de la vagono sin trovas seĝoj pli grandaj ol tiuj de la ordinara trajno kaj ili estas ĉirkaŭturneblaj kun risorta sidkuseno, kaj ilia dorsapogilo estas klinigebla, kio ebligas al la pasaĝeroj ripozi duon kuŝe. La plej alta projektita rapideco estas 140 km/h.
(El „Popola Ĉinio" n-ro 3/1962)

---

Ĵus atingis nin la malĝojiga informo pri la morto de la esperanto-pioniro

**Prof. Dro EDMOND PRIVAT**

Li havis 73 jarojn, el kiuj li la plej multajn dediĉis al la Esperanto-movado. Interalie li estis la aŭtoro de **„La Vivo de Zamenhof".**

---

## P.T.T.-FILMO LUEBLA

Kun la helpo de la fako por publikaj rilatoj en la franca ministerio de l' P.T.T., la franca Esperanto-Poŝtasocio realigis filmon „PTT-magazino n-ro 17" kun teksto kaj dialogoj tute en internacia lingvo. Daŭro 14 minutojn. Teknikaj karakterizaĵoj: 16 milimetrojn larĝa kun la sono magnete registrita sur la filmstrio mem. Temo: PTT-aferoj kun kolora peco pri la gravuro de poŝtmarko. Prunto: kondiĉe de la repago de la poŝtaj sendelspezoj (20 novaj frankoj).
Oni povas sin turni al: S-ro Colomb, prezidanto de la Poŝtasocio, Ministerio de P.T.T., 20 Avenuo de Ségur, Paris 7, Francio.

## LETERVESPERO

Fervojista Esperanto-grupo en Duisburg-Wedau aranĝos varb- kaj letervesperon komence de oktobro ĉi-jare.
Gekolegoj en la tuta mondo estas kore petataj skribi al: Peter Hermanns, Zur Wolfskuhl 43, 41 Duisburg-Wedau (Germana Federacia Respubliko). Respondo estas garantiata.

---

Redaktoro H. Hoen, Von Liebigweg 7, Amsterdam-O, Nederlando